# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 16/11/2017 Tricent- kvardekoka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Freelang Vortaro* * *Plena Ilustrita Vortaro* * *Esperanta Retradio* * *Google Translate* * *Pasintaj eldonoj* *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,100,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **245,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,350,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 2 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)




Mia celo estas ne nur plisimpligi la trakton kaj la lingvon de la libro, sed samtempe serĉi kun vi eventualajn traktoerarojn neĝustajn aŭ klarigmalfortaĵojn. La lingvo kaj la uzataj terminoj estas ofte teĥnikaj, kaj la temo funda kaj pli-malpli scienca. Tiom, ke kiam en 1936 en Nederlando mi atingis mian unuan diplomon pri Esperanto, kaj deziris aĉeti la libron, la Libro-Servo de la Esperanto-Asocio rifuzis vendi la libron al mi (kaj al aliaj), ĉar ĝi juĝatis tro teĥnika por mi, kaj mi poste rajtis aĉeti la libron nur post sukceso en la pli alta ekzameno por Esperanto-instruisto. Do jen ekstrakto el la libro: "La verbo estas vorto esprimanta agon aŭ staton atribuitan al la Subjekto".



Bonestu plisimpligi ĉi tiun frazon aŭ trovi erarojn en ĝi. En la proksima leciono en A.E. tion faros mi, se necese.

*Marcel Leereveld.*



*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE. Roger S*



# Re: Aŭstraliaj Esperantistoj 347 respondo al Marcel



Mi legas: "...., ĉar ili tute ne bezonas la gramatikon por perfekte uzi sian lingvon."
Ĉu do 10-jarulo en Aŭstralio povus ekzemple diri: *"He thinked over she."* ? Aŭ samaĝulo en Germanujo: *"Der Mann laufte der Hase hinterher."* Eble kompreneblaj frazoj, sed certe ne perfektaj. Kiel la infanoj atingas la perfektecon?
La aserto de Marcel memkompreneble estas malĝusta, la citaĵo estas kontraŭdiro en si mem. Ĉie la infanoj lernas la gramatikon de siaj gepatraj lingvoj. Sed: Ili lernas ĝin senkonscie. Ili sukcesas solvi grandan intelektan taskon: Kompreni la gramatikon sen ricevi klarigojn, krom eble, kiam ili uzas neregulajn verbojn malĝuste kaj la gepatroj kun rideto korektas ilin.
La kapablon lerni lingvon sen klarigoj pri la gramatiko homoj en junaĝo jam perdis. Ĉu eblas lerneje lerni lingvon sen lerni la gramatikon de tiu lingvo? Modernaj instruistoj asertas tion. Verŝajne ili pravas. Ekzistas amaso da homoj, kiuj sukcesas mendi trinkaĵon en fremda lando balbutante kelkajn vortojn en la koncerna lingvo sen riski esti elĵetita el la drinkejo. Se tio sufiĉas, bone. Sed kiel, se oni deziras uzi la lingvon sur pli alta nivelo?
Nun, mi mem spertis germanan studenton pri ekonomio, kiuj ne sciis traduki leteron el la angla en la germanan, ĉar li ne estis lerninta la anglan gramatikon. Vivante nun en Danlando, mi kun intereso legas, ke principe la danaj studentoj tiom malbone regas la adoratan anglan, ke ili ne tiom bone lernas de la profesoroj, kiuj malbone parolas la anglan, kiom se ambaŭ flankoj uzus la nacian lingvon. Ekzistas multaj ekzemploj, kie la danaj junuloj ne ricevas laboron en angleparolanta lando, ĉar iliaj konoj de la angla estas tro malbonaj. Simple parkerigi frazojn ne povas anstataŭi la studon de la gramatiko de lingvo.
Kun amikaj salutoj, speciale al Marcel, kies kontribuojn mi ĉiam legas kun granda intereso,
*Peter Weide*






**Fotoj bezonas nomojn. Artikoloj bezonas kapfoton. Aŭstralio estas granda lando.**

**La celo estas krei kunligatan Esperantan familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 18an de Novembro estos la tria sabato. Venu al nia amikema kunveno. *Roger Springer*



*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE. Roger S*

**La celo estas krei kunligatan Esperanta familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***






Petro Danzer BES Sekretario



# KLASIFIKADO DE VERBOJ EN ESPERANTO.



En etnaj lingvoj oni havas plurajn specojn de verboj, kiujn oni dividas en diversajn verbklasojn. En Esperanto ekzistas malpli da tiaj verbklasoj, bonŝance por la studantoj.

En la sekvanta artikolo ni montras la klasdividojn, kelkajn da kiuj ni ne havas aŭ ne bezonas en Esperanto.

**Unue** la pluraj klasoj pro la diversaj formoj de la verboj kun siaj multaj nun ne plu necesaj finaĵoj pro la t.n. ses "personoj" por la pluraj konjugacioj. Esperanto havas nur ses finaĵojn, ne por la "personoj" sed por la tri tempoj kaj la tri modoj. Ili estas -as, -is, -os, -u, -us, kaj -i. Aliaj finaĵoj ne ekzistas, kaj ne bezonas ekzisti, ĉar por kombinitaj tempoj oni uzas adverbojn kaj konjunkciojn. Kaj por la Voĉoj oni havas po unu specialan sufikson.

**Due** ĉe kelkaj verboj oni ne uzas Subjekton, sed oni en Esperanto povas trakti ilin kiel normalajn ĉe kiuj oni subkomprenas Subjekton ne menciitan.

**Trie** ekzistas en Esperanto kaj en etnaj lingvoj deko da modaj helpverboj, kiuj en etnaj lingvoj povas kaj en Esperanto devas sekvati de infinitivo, kiaj ekz. "povi" kaj "kuraĝi". Oni devas lerni ilin.

**Kvare** en etnaj lingvoj oni traktas "esti" kaj "havi" kiel helpverbojn. En Esperanto oni ne bezonas okupiĝi pri ili, ĉar ambaŭ kondutas kiel la aliaj verboj. Oni nur devas lerni ke en Esperanto (kaj en etnaj lingvoj) ekzistas predikatoj kiuj konsistas el verbo kun adjektiva aŭ substantiva predikativo. Teorie ĉiu verbo povas formi tiajn predikatojn, sed kutime nur kelkaj ofte faras tion, ekzemple "esti" kaj "resti" kaj "ŝajni" kaj "iĝi" kaj "elekti" kaj "juĝi" kaj "trovi". Sed pluraj aliaj uzatas de tempo al tempo. Tion oni devas lerni en etnaj lingvoj kaj en Esperanto.

**Kvine** la angla "gerundio", verbradika substantivo kun finaĵo"*-ing*", ne ekzistas en Esperanto, kiu anstataŭe uzas, kiel aliaj eŭropaj lingvoj, AŬ substantivon kun aŭ sen "-ado" AŬ la infinitivon de la verbo. Nur angloparolantoj trovas tion problemo en Esperanto.

**Sese**, malsame kiel en eŭropaj lingvoj Esperanto ne havas verbajn participojn, nur adjektivajn participojn, el kiuj oni povas krei participajn substantivojn kaj adverbojn. Ankaŭ ekzistas nun participa verbo per la sufikso "-ati", la pasiva voĉo.

**Sepe**: Ĉar en Esperanto ne ekzistas verbaj participoj, oni uzas, kiel en aliaj lingvoj, adverbojn kaj konjunkciojn kaj aliajn por kombini agotempojn. Do krom la Preterito, "-is", la Prezenco, "-as", kaj la Futuro, "-os", ne ekzistas, kaj ne bezonas ekzisti, la tempoj Perfekto, Pluskvamperfekto, Predikto, kaj Imperfekto.

**Oke**: En eŭropa lingvoscienco oni forte dividas la verbojn en du klasojn, la agverbojn kaj la statverbojn. Sed nuntempe tia divido estas utila nur, se la du specoj sekvas malsamajn, precipe formajn, regulojn gramatikajn. En Esperanto tio ne okazas, kaj jam pro tio la divido superfluas. Krome la diferenco ne plu utilas, ĉar nuntempe statoj montreblas esti agoj, kaj krome inter la agverboj estis pluraj kies ago ne estis aga, i.a. la pasivaj kaj medialaj verboj. Pro tio mi preferas en Esperanto tute ne plu paroli pri agaj verboj kontraŭ stataj verboj, kaj mi bazas tiun opinion sur la jenaj faktoj: **A.** Gramatike ambaŭ specoj obeas la samajn regulojn por verboj. **B.** Inter la tradiciaj agverboj troviĝas pluraj, ĉe kiuj aktiva ago ne okazas. Ekzemple, se homo aŭ arbo falas, ĉu la homo aŭ la arbo vere agis? Aŭ se mi ricevis leteron, ĉu mi agis aŭ ĉu mi simple estis? Kaj se mi pro la pluvo malsekiĝas, ĉu mi agis en la malsekigado? Kontraŭe, se mi agus, mi ne malsekiĝus. **C.** Aliflanke ni povas konsideri ĉe la tradiciaj verboj stataj, ke por stati io aŭ iu vere agas, ĉar multaj fizikaj fortoj ĉiumomente aktivas, por teni ion aŭ iun en certa stato; se ne, io aŭ iu simple disfalus. Do kiam en lingvismo ni parolas pri stato kontraŭ ago, mi opinias ke ni uzu la vorton "stata" gramatike nur por la okazoj kiam ago esprimiĝas en substantivo. Do ke "dormo" kaj "batado" kaj "finiĝo" esprimas la staton de la agoj "dormi, batadi, kaj finiĝi".

**Naŭe**: Mi simile opinias, ke moderntempe ne plu utilas dividi la verbojn en daŭrajn kaj nedaŭrajn agojn, ĉar nuntempe oni povas per malrapidigo de filmo montri la nedaŭrajn agojn kiel daŭrajn. Do ankaŭ tiun dividon inter verboj mi en Esperanto ne plu uzas. Tioj krome plisimpligas la gramatikon.

Nur restas la divido inter **transitivaj kaj netransitivaj** verboj, sed eĉ ĉi tie Zamenhof opiniis, ke oni povas uzi, se oni volas, ĉiujn verbojn transitive. Pri tio la Esperantistaro ne samopinias kun li, sendube pro la eblo en Esperanto transformi transitivan verbon al pasiva kaj mediala voĉoj. Sed eĉ ĉe la mediala voĉo oni ofte uzas, kontraŭ la natura regulo, netransitivajn verbojn, kiel "dormiĝi" kaj "estiĝi". Provizore oni povas klarigi tion tiel, ke la netransitivaj verboformoj, kiel "dormi" kaj "esti", estas en la medialo mallongigoj de la transitivaj verboj "dormigi" kaj "estigi", do mallongigoj de "dormigiĝi" kaj "estigiĝi"; nur por ne havi esceptojn en Esperanto. Same "laciĝi" kaj "patriĝi" el "lacigiĝi" kaj "patrigiĝi".

Forĵetante la plurajn nenecesajn verbdividojn el Esperanto, ni plifaciligas ĝian gramatikon. Restas nur la regulo pri (ne)transitiveco, konsiderata la plej malfacila (kaj malŝatata) regulo gramatika. Se ni elĵetus ĉi tiun regulon, Esperanto fariĝus ne plu fidinda en tradukado, kaj ni ne povas riski tion, ĉar ĝia fidindeco estas unu el ĝiaj ekzistorajtoj kiel mondlingvo.

*Marcel Leereveld.*



# Mona kreo en la moderna ekonomio

14*Quarterly Bulletin* (jarkvarona bulteno *) Bank of England (* Banko de Anglujo) 2014, Q1
De Michael McLEAY, Amar RADIA kaj Ryland THOMAS, de la Mona Analizo de la Banko (1)

• Ĉi tiu artikolo klarigas kiel la plejparto de mono en la moderna ekonomio kreatas de komercaj bankoj farante pruntojn.

• Mona kreado en praktiko diferencas de iuj popularaj miskomprenoj - bankoj nek agas simple kiel agentoj, pruntante deponaĵojn, kiujn la ŝparantoj deponas ĉe ili, nek multobligas la monon de centra banko por krei novajn pruntojn kaj deponaĵojn.

• La kvanto da mono kreita en la ekonomio finfine dependas de la mona politiko de la Centra Banko. En normalaj tempoj, ĉi tio estas efektivigata per fiksado de interezokvotoj. La Centra Banko ankaŭ povas influi la kvanton de mono rekte per aĉeto de aktivaĵoj aŭ ellaso de mono

Alklaku ĉi tie *http://www.youtube.com/watch?v=CvRAqR2pAgw* por vidi mallongan filmeton filmitan en la kiraskestoj en kiuj la banko konservas la oron. La diskuttemo estas unu el la ĉefaj temoj de la artikolo menciita supre *Johano Massam* el Okcidentaŭstralio



## Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 12an de Novembro tri homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Mi kaj Petro estis en Brisbano.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 13an de Novembro kvin homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni bonvenigis novan komencanton kiu lernis per Duolingo.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Dimanĉon 19an de Novembro je 15:00

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Lundon 20an de Novembro je 18:30

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Sabaton 25an de Novembro je 19:00 **Kosto:** $10.00

Ludvespero, ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 972 Instagram – 110

Facebook – 356 Telegram – 18 Twitter – 341 *Joanne Johns*



**Vizitanto el Argentino** mi estas Nicolás, de Bonaaero, Argentino. Mi vojaĝos al Perto fine Novembro, kaj mi serĉas Esperantistojn tie. *Nicolás Passavanti*



# Malproksime pilotata mortiga flugilo (Droneo) AE347



Piednote al via alineo pri "*drones*": en MONATO oni akceptis la proponon, ke ni nomu ilin "droneoj". Vi pravas, estas absolute malnoble, ke homoj sidas ĉe tabloj en N?????? kaj mortigas homojn en A??????? kaj aliloke per premo de butono ...*Trevor Steele*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 4. Mi iras Anglujen (tria ero)



Alveninte al Harwich mi, ĉar mi sendube aspektis tre sovaĝa kun mia longa ruĝeca barbo, estis sendita al speciala anglo, kiu, laŭ sia propra opinio, parolas la danan. Kia ŝerco ! Li demandis min, kion mi volas fari en Anglujo.

Mi respondis, ke mi volas labori, ĉar tion oni ja faras ĉie en la mondo ! Li diris al mi, ke mi ne rajtas labori en Anglujo. Li ordonis, ke mi montru al li mian monujon. Li kalkulis mian monon, tio ne daŭris longe, kaj diris, ke mia mono sufiĉas nur por la revenbileto al Danlando. Mi respondis, ke iam mi revenos, sed ke unue mi devas viziti mian amikon Bryan, kiu estas anglo, kaj loĝas en Enfield, kvartalo de Londono. Li volis havi la adreson de Bryan, kaj mi donis ĝin al li. Sed mi ne havis la telefonnumeron, do ne eblis kontakti Bryan. Konversaciinte iom da tempo kun la anglo en la dana, li enstampis en mian pasporton, ke mi rajtas resti en Anglujo nur tri monatojn, kaj ke mi ne rajtas labori, ĉu kontraŭ mono ĉu senpage.

Post tio oni sendis min al la kuracisto, kiu montriĝis esti virino. Ŝi petis nur, ke mi malfermu la buŝon por ke ŝi rigardu kiom eble plej profunden en mian korpon. Mi ne scias, kion ŝi povis vidi tie, sed mi esperas, ke ŝi ne vidis la internon de mia postaĵo. Post tio ŝi volis vidi mian harplenan bruston, kaj kompreneble mi volonte permesis tion. Tiam ŝi aŭskultis mian koron. Ĝi ankoraŭ batis iomete. Tion farinte ŝi deklaris, ke mi estas tute sana, kaj ke mi ne estas danĝera al la brita popolo.

Mi do daŭrigis mian vojaĝon al la ĉefurbo de Britujo. La vagonaro estis longega. Ĝi konsistis el tre multaj unuaklasaj vagonoj, kaj nur unu kvaraklasa. Montriĝis ke ĉiuj eksterlandaj pasaĝeroj de la ŝipo estis nur kvaraklasaj homoj. Ni ĉiuj eniris la solan kvaraklasan vagonon, dum unu aŭ du angloj, la superhomoj, verŝajne londonaj vizitantoj al Harwich, eniris unu el la tro multaj unuaklasaj vagonoj malplenaj. Tio estis mia unua impreso pri Anglujo, kaj mi ne estis imponita. Sed mi estis tre fiera, ĉar mi ja eklernis iom de la malfacila angla lingvo dum la vojaĝo de Hoek van Holland al Harwich. *Daŭrigota* *Bob Felby*





**3ZZZ** .. Se vi ricevis leteron de la konsilantaro de la radio 3ZZZ por inviti vin al ĉeesto de la jarkunveno de la radio, la 29an de novembro, tio signifas ke vi daŭre estis membro de la radio 28 tagojn antaŭ la jarkunveno. Sed pro tio ke la membreco validas dum unu jaro ekde la dato de la pago, ĝi povas ĉesi iam ajn en la jaro. Pro tio necesas konstante kontroli ke restas en la grupo - Esperanto ĉiam ajn pli ol 40 membroj .
La membroj ricevos alian inviton ĉeesti jarkunvenon , verŝajne en junio 2018, tio estas la jarkunveno de la grupo. Tia estas la strukturo de la radio 3ZZZ informas la kunvokanto *Franciska Toubale*



# Ĉu nur farso aŭ ĉu vi havas pli bonan vorton por tio?



La ĵus pasintaj okazaĵoj kiel ankaŭ tiuj ankoraŭ okazantaj en Aŭstralio estas ja ne nur farsaj, sed certe kaj sendube ankaŭ ridindaj.

Ekzemple tiu ke oni rajtas membri en la registaro nur se oni povas pruvi, ke oni estas "pura aŭstraliano". Nu, unue mi kompreneble kredis, ke tio estas ŝerco, sed sciante, ke politikistoj treege ŝatemas aspekti nur seriozaj, miaj naturaj sentoj kaj instinktoj avertis min.

Ekz. mi mem. Mi estas denaske dana. Mi alvenis al Aŭstralio kaj petis aŭstralian ŝtatcivitanecon. Unue mi parolis iomete tro longe kun virino en iu oficejo. Kiam nia konversacio estis preskaŭ finita, ŝi afable diris al mi: "do, nun donu al mi vian danan pasporton!" "Ĉu vere?" diris mi, sed kiel mi ekde nun povos reiri al Danujo?" "Tiam vi uzos vian aŭstralian pasporton!" respondis la klerulino. "Sed mi ja ne havas aŭstralian pasporton", respondis neklera mi. "Sed tion vi havos post nur kelkaj monatoj", respondis la klerulino.

Do longegan tempon mi estis nek dano nek aŭstraliano. Almenaŭ laŭ mia kompreno de la aŭstralia pensmaniero. Kelkajn monatojn poste, aŭ eble eĉ pli, alvenis mia aŭstralia pasporto. "Nun mi estas aŭstraliano", pensis mi, "mi ne plu estas dano, nur aŭstraliano. Eble la klerulino opinias, ke mi estas eĉ ne plu mondcivitano!"

Kaj venis en mian kapon kelkaj faktoj, pri kiuj la klerulino tute ne demandis min. Mia avino, la patrino de mia patrino estis svedino. Ŝia edzo, do mia avo, estis dano. Ĉu ankaŭ mia patrino estis dano? Eble ne laŭ la opinio de la aŭstralia registaro. Mia alia avo, do la patro de mia patro, estis dano, sed ŝanĝis sian naciecon al la usona. Ĉu do, ekde tiam, ankaŭ mia patro estis usonano? Kaj kio pri la patrino de mia patro, mia alia avino, ĉu ankaŭ ŝi subite ĉesis esti danino kaj fariĝis usonanino. Kaj ĉu ankaŭ mia patro fariĝis usonano, kaj ĉu ankaŭ mi? Necesas esti membro de la aŭstralia parlamento por povi respondi al tiuj ĉi tre simplaj, eĉ simplegaj demandoj, ĉu ne?

Laŭ mia (mal)saĝa opinio tute ne devus gravi al kiu nacieco oni apartenas. Ni ĉiuj egalas, tion serioze deklaras eĉ la aŭstralia registaro. Do kial ili trovas problema la fakton, ke iuj naskiĝas en Svedujo, Danujo, Usono aŭ Aŭstralio? Mi mem havas bonegajn geamikojn en Germanujo, fakte dum mia pasinta ekzistado mi estis oficiro en la germana armeo dum la unua mondmilito. Ĉu do nun mi estas ankaŭ germana? Antaŭ kiam mi estis germano mi estis polo ktp. ktp. ktp.

Mi bedaŭras, sed mi povas ne ĉesi pensi, ke nur iuj originaj aŭstralianoj devus rajti regi en tiu ĉi ilia propra lando!

Eble nia mondo ne estus tiom freneza se niaj regantoj ekuzus siajn kapojn antaŭ ol agi ! *Bob Felby*



Kiam mi, miaj gepatroj kaj miaj geavoj naskiĝis en Aŭstralio ni aŭtomate estis britaj civitanoj kaj rajtis britan pasporton. En la lernejoj oni diris, ke ni ĉiuj estas britaj. Ni fieris pri tio.

Oni ŝanĝis la leĝon kaj aŭstralianigis nin. Ĉu nun Aŭstralianoj kiuj estas naskitaj kiel britoj en Aŭstralio rajtas esti politikistoj? *Roger Springer*